# POLA ESPERANTISTO
## (Esperantysta Polski)
MONATA GAZETO DE POLAJ ESPERANTISTOJ

JARO XVIII. WARSZAWA — Novembro | Decembro 1924. № 11|12 (109|110)

La 5an de decembro 1924 mortis post longa malsano nia kara

**Sinjorino**

# Klara Zamenhof

**Vidvino de la Majstro,**

**Honora Membro de Pola Esperanto Asocio.**

En la granda funebro, kiu kovras tutan esperantistan mondon, ni, Ŝiaj samlandanoj kaj proksimuloj, partoprenas plej dolore.

Al brilanta per virtoj Edzino de granda homo, nia neforgesebla Majstro, al fervora, pionira Esperantistino, kiu ĝis lasta momento de sia vivo zorgis ame pri progreso de nia alta idealo — paco eterna.

Gloro al Ŝia memoro benata!

Pola Esperanto Asocio.
Redakcio de Pola Esperantisto.

# Por memoro pri Klara Zamenhof.

Antaŭ kelkaj tagoj ni adiaŭis la Edzinon - Vidvinon de nia Majstro.

Fidela amikino, kiu kun profundega amo prizorgis sian Edzon, preskaŭ dum tuta vivo malfortan kaj malsanan — post plenumo de l' devo de sia devo estingiĝis.

Ni devas ja antaŭ ĉio memorigi, ke sen la materiala helpo de la Edzino, la Majstro ne havus la eblon efektivigi siajn revojn, nek plenumi la taskon de sia vivo, nome, ne povus eldoni la unuan libron de lingvo internacia.

Dank' al la doto de lia Edzino, kiun ŝi mem permesis utiligi por tiu celo, la Majstro povis eldoni la diritan libron. Vere tragediaj estis la lastaj momentoj de ŝia kara Edzo. Kruela milito trairante Eŭropon rompadis ne nur homajn vivojn sed ankaŭ homajn interrilatojn. Ŝajnis, ke esperonta interfrateco de popoloj por ĉiam estingiĝis. Majstro Zamenhof ekvidis siajn idealojn, al kiuj li oferis sian vivon kaj dumvivan penson, tute rompitajn. Kiel kruelaj bestoj homaj gentoj penadis disvastigi detruon kaj morton, kvazaŭ dezirante ĉion mortigi, ĉion detrui.

La malfeliĉa koro penanta amon kaj pacon ne povis bati en tiu-ĉi infero.

Kaj fine rompiĝis.

Klara Zamenhof ofte priparolis kun mi la lastajn momentojn de sia kara Edzo.

Post kiam la milito ĉesis kaj normala vivo en tuta mondo kaj en revivigita Polujo iom post iom komenciĝis, la grandanima Vidvino kvankam korpe malforta, prenis en siajn virinajn manojn malfacilan laboron — reguligi la skribitajn pensojn kaj ne ankoraŭ plenumitajn laborojn de sia Edzo.

Ŝi partoprenis polajn kaj internaciajn kongresojn kaj ĉie vigle kaj fervore laboradis.

La XVI en Vieno estis ŝia lasta kongreso.

**Prof. Odo Bujwid**
**Prezidanto de Pola Esperanto - Asocio.**



# La Zamenhofa Tago.

La 15-an de decembro varsoviaj esperantistoj unuafoje kune festis la Zamenhofan Tagon. La solena kunveno estis organizita de la esp. Rondo Konkordo, sed partoprenis en ĝi reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj aliaj lokaj societoj. Tiu bona ekzemplo kunigi ĉiujn esperantistojn sub la signo de la Majstro estos espereble sekvata ankaŭ en la estonteco.

La kunveno estis prezidata de S-o Leono Zamenhof, frato de nia Majstro. Post honorigo de la memoro de Sinjorino Klara Zamenhof, la Prezidanto substrekis en mallonga, sed tre enhavoriĉa kaj vigla parolado la signifon de la Zamenhofa Tago, kiel tago de paco kaj bona espero.

Post li parolis Prof. Odo Bujwid, Prezidanto de Pola Esp. Asocio pri siaj rememoraĵoj, koncerne al la persono de la Majstro. Tre interesajn detalojn ni eksciis, precipe el la tempoj de la krakova kongreso.

S-ino Cense parolis pri: „Zamenhof kiel Poeto". Ŝia vorto, stile senriproĉa, kiel ĉiam, pentras al ni la bildon de Majstro-Poeto, kies poezian fonton ŝi vidas precipe en la altaj valoroj de lia persona karaktero. Multaj citaĵoj ornamis ŝian temon, kiu, tre bone konstruita kiel tutaĵo, peketis eble per tro severa filozofiemo. Ŝajnas al mi, ke ĉe studado de poeto bone estas aldoni iom da poezia flamo al la saĝa kritiko de scienco. La parolado de S-ino Cense ricevis bone meritìtan varman aplaŭdon

S-o Wiesenfeld volis al ni desegni „Galerion de Zamenhofoj." Li parolis alterne pri la ambaŭ gepatroj de la Majstro, pri la Majstro mem kaj pri lia edzino. Precipe la skizo de Sinjorino Klara Zamenhof estis tre sukcesa. Oni povis rimarki, ke la aŭtoro konis ŝin bone, kaj li sciis prezenti la bildon de la kara Sinjorino vive kaj ĝuste. Tuŝis la korojn de ĉeestintoj vekita de li rememoro pri la fakto, ke Sinjorino Zamenhof tutan sian doton oferis por la eldono de unua esperanto-lernolibro!

Post interrompo, dum kiu estis farita fotografaĵo de la kunvenintoj, prenis la parolon S-o Koss (societo „Laboro"). Tiu juna esperantisto ŝajnas kritikeme agordita al nia pola esperanto-movado. En sia sprita pollingva oratoraĵo, iafoje tamen tro akresprima, li amuzis ĝis laŭta rido la malpli aĝan parton de la aŭskultantaro per bildetoj, kvazaŭ eltiritaj el la libro de „Bonhumora Zamenhofano." Li tamen eraras, se li kredas, ke tiaj scenoj estas unike loka aperaĵo. Ankaŭ pli granda komprenemo por la longa penado de malpli junaj esperantistoj ne estus eble superflua. Ĉiuokaze, S-o Koss montriĝis interesa kaj lerta parolanto, kaj ni esperas aŭdi lin ankoraŭ multfoje.

S-o advokato Litauer legis fragmentojn el sia pola traduko de la „Vivo de Zamenhof" de Edmond Privat. La verko povos esti eldonata, kiam 200 aĉetontoj anonciĝos. Oni interkomunikiĝu kun la tradukanto!

Alia samideano legas al ni sian versaĵon al la honoro de la Majstro, kaj poste D-ro Leono Zamenhof fermas la programoriĉan kunsidon. Li deziras, ke venontjare ni multe kaj sukcese laboru, tiam S-o Koss ne bezonos diri al ni tiom da riproĉoj, sed skribos nian laŭdon.

Ridante, ni dankas per aplaŭdo la estimatan kaj tiel simpatian Prezidinton. Laŭ peto de la specialisto, ni fotografas nin refoje, kaj disiras.

Jen malantaŭ ni restis fakto. Post tiom da jaroj, ĉirkaŭ la busto de la Majstro ariĝis en amika kunveno senpartiaj esperantistoj.

**Uczestnik.**

# Pri la moderna pola literaturo.

La mondmilito, kiu estiĝis epokŝanĝa en la intelekta vivo de l'tuta mondo, krom la influoj, kiujn ĝi havis sur la tuthomaran formiĝon de l'intelekto en Polujo — donis al Polujo la politikan sendependecon. La literaturo devis post la milito ŝanĝi la malnovan fronton. Oni devis okupi novan postenon, akcepti novan pozicion kontraŭ la nova vivo. La plej alta tono de la t. n. postdispartiga literaturo — estis la forta patriota doloro, alta nacia sento, al kiu en la XX jarcento la plej fortan esprimon donis la genio de Stanisław Wyspiański. Sed tiu-ĉi mondmilito, portanta en sia sanga sino la esperon de pli bona morgaŭo por la Poloj — subdonis al revizio, kaj eĉ tre fundamenta, la ĝisnunan aparaton de poetika sentemo. Dum la milito — venis al voĉo la legiona poezio, kies plej forta kantisto estis la tro frue mortinta soldato *Józef Mączka*. Ĝenerale tamen tiu-ĉi milita poezio, krom nova priskriba materialo, enportis nenion novan, nek laŭ formala rilato, nek laŭ rilato de enhavo. La unuaj signaloj de la „nova poezio" aperis en tri dum la mondmilito aperantaj revuoj: en la poznania „Fonto", fondita de *Jerzy Hulewicz*, en la krakovaj „Maskoj", redaktataj de *Tadeusz Swiqtek* kaj en la revuo de varsovia akademia junularo: „Pro arte et studio".

Iom post iom komencis elokcidente penetradi Polujon direktoj, unue pure formalaj, poste ideoj elkreskitaj sur la fono de milita ĥaoso. En la poznania „Fonto“ prenis unuafoje voĉon t. n. „ekspresionistoj“, kun *Adam Bederski* ĉe la frunto. Rimarkinde, ke fervora pioniro de tiuj direktoj estis la iama pioniro de modernismo, Stanisław Przybyszewski. Baldaŭ ĉe la „Fonto“ grupiĝis vico da talentaj poetoj, kiel *Emil Zegadłowicz, Zenon Kosidowski,* kaj samtempe el Warszawa aŭdiĝis t. n. „futuristoj“, havantaj kun la futurismo verdire nenion komunan: *Julјan Tuwim, Antoni Słonimski kaj Jan Lechoń.*

La varsoviaj poetoj restadis sub influo de nuntempa Rusujo, Rimbaud kaj Walt Whitman. La unua epokfaranta verkaĵo de la nova poezio estis la ditirambo de Julјan Tuwim s. t. „La printempo“, kiu vekis veran huraganon da protestoj flanke de la konservativa gazetaro kaj entuziasmajn apologiojn flanke de la junaj. „La printempo“ de Tuwim rompis kun ĉia banaleco de formo kaj enhavo, ĝis nun uzata je la supra temo. Per forto kaj brutaleco de l'esprimo estiĝis „La printempo“ unu el la plej bonegaj himnoj de vitalismo. Tuj poste aperis volumo da poemoj de Tuwim s. t. „Insido je Dio,“ estanta grandioza akto de kredo de l'nova homo kaj Polo. Unuafoje en tiuj poezioj estis levita sur la ŝtupon de heroeco — la ĉiutageco. Rompinte kun la idealista kaj novromantisma ŝablonoj, Julian Tuwim kuraĝageste malkovris la internon de homo nuntempa. De tiu momento la pola poezio komenciĝis sub nova signo.

La varsovia junularo salutis la sendependecon de Polujo — per manifesto de sendependa poezio. Komence la literatura kabaredo „Pikadoro“ estis la forumo de flamplena poeta avangardo. La talentoj de Jan Lechoń kaj Antoni Słonimski ĝuste tie ekbrilis per fulmoj de akra politika satiro. Sed post nelonge komencis aperadi sublimaj kaj perfektaforme esprimitaj poemoj de la nova vivo en la revuo „Pro arte“, transformita el la iama „Pro arte et studio“. Lechoń publikigis la multkolore brilantajn poemojn: „Mochnacki“ kaj „Piłsudski“, Słonimski — la „Nigran printempan“ kaj artplenajn sonetojn „Harmonio“. La kompanio pligrandiĝis. Aliĝis al la varsovia grupo aliaj: *Jarosław Iwaszkiewicz, Kazimierz Wierzyński, J. M. Rytard kaj W. Horzyca.* Tiuj poetoj dum pli longa tempo kunlaboris ankaŭ al la poznania „Fonto“.

En jaro 1920 komencas aperadi en Warszawa monata revuo „Skamandro“ ekmezurita je serioza skalo, devanta respeguladi ĉion, kio traigas la psikon de la plej juna

Polujo. En la sama tempo okazas la unua disrompo kaj unua disputo inter la adeptoj de la nova arto. Jen sur la grundo de poznania „Fonto“ aperas bonega polemikisto kaj talenta poeto, la frue mortinta s. m. *Jan Stur* el Lwów, kaj ĵetas al la varsoviaj poetoj pezan riproĉon: mankon de seriozeco kaj mankon de propra ideologio. Kun ĉi-momento evidentiĝas klare la diferencoj inter Poznań kaj Warszawa. En Poznań — regas ideologio mistike-romantika, kulturata kun vere monaĥa zeloteco de Jerzy Hulewicz kaj Jan Stur, malŝatanta la konstruon de literaturaj verkaĵoj kaj eĉ mem la vivon, — ĝenerale la poznania direkto portas klarajn signojn de asketismo, dum en „Skamandro“ venas al voĉo la ĝojo pro la vivo, rulsaltas bakhanale la juneco kaj la riĉabunda konscio de l'moderneco.

„Printempo kaj vino“ de Wierzyński kaj „Sokrato dancanta“ de Tuwim estas unikaj esprimaĵaj de tiu triumfo de la juneco, blinda je la tragedieco de homa malbonsorto kaj ĝisgorĝe plenega per si mem. La filozofie-skeptikan enmediton reprezentas tiutempe la virtuoza talento de Antoni Słonimski en „Parado“. Jan Lechoń eldonas sian „Karmazenan poemon“, malgrandan libreton kun tiom grandaj poezispacoj, estanta plejparte kritiko de nacia tragedio, esprimita kun tia pentroforto, kian depost la tempo de Słowacki — Polujo ne konis. El la poznania grupo elnaĝis Jan Stur per sia „Epokŝanĝo“, „Triumfoj“ kaj „Anima nostra“, en kiuj poemaĵoj regas tono vere prometea. Jarosław Iwaszkiewicz elpaŝis je konkiro de la pola koro per la mirinda prozo de siaj legendoj kaj artplenaj „Oktostiĥoj“.

Fine aperas veraj revoluciuloj t. n. „neofuturistoj“: *Bruno Jasieński, Anatol Stern, Aleksander Watt, Stanisław Młodożeniec* kaj *Tytus Czyżewski.* Ili a konata manifesto „Tranĉilon en ventron“, frakasanta eĉ la polan ortografion, elvokis multe da bruo. Ĉiuj-ĉi, cetere ne sen talento, poetoj restadis dum longa tempo sub forta influo de rusa futurismo kaj franca „dadaismo“.

Tiel prezentiĝas enskize la komencoj de la nova pola poezio, en tempoj de la sendependeco. Iom post iom silentiĝis la militfanfaroj, la reprezentantoj de plej ekstremaj direktoj subiĝis al kompromiso — je la bono de kristaliĝado de veraj poetaj individuecoj.

Enfine mi rememoras pri *Józef Wittlin,* apartenanta al neniu grupo, kiu siajn pacifiste-religiajn „Himnojn“ publikigis en jaro 1920 kaj kunlaboris samtempe al ambaŭ revuoj: „Fonto“ kaj „Skamandro“.

**Józef Wittlin.**

# SKIZO DE HISTORIA EVOLUO DE POLA SANITARA LEĜARO.

En mezepoko la Pola Ŝtato ne interesiĝis pri la tuto de sanitaraj aferoj, kiam kontraŭe la urbaj aŭtonomiaj komunumoj sufiĉe vive partoprenas en la aferoj de publika saneco. La konata pola historiisto Józef Szujski en sia verko: „La plej malnovaj libroj kaj kalkuloj de l'urbo Kraków" skribas: „Nia urbo kompare kun tiuj de la eksterlando jam frue celas al ordo en pavimoj, putoj, kaj eĉ en ekvokondukoj; pli frue ol la svisaj urboj Bern kaj Basel, kiuj nur en XV jarcento estas pavimataj samtempe kun Nürnberg, München, Frankfurt, Hannover kaj Breslaŭ — havas Kraków jam de jaro 1362 pavimistojn, kaj akvokondukojn ni renkontas sub la jaro 1399". La plej malnova sciigo pri akvokondukoj en Polujo el la jaro 1282 koncernas la urbon Poznań. La agado de urbaj komunumoj en la sfero de sanitaraj aferoj en Polujo dum la mezepoko tute ne estis malpli granda de tiuj en eksterlando, eĉ ĝin superadis.

De la XVI jarcento ĝis duono de la XVII ni vidas jam en Italujo la komencojn de Ŝtata sanitara organizo: sed en la restanta Eŭropo, kiel ankaŭ en Polujo, la urboj plue plenumas la zorgon pri la publika saneco; disvolvĝas tiutempe en Polujo institucio de t. n. urbaj fizikistoj, kiuj jam meze de la XV jarcento agas en Lwów kaj Poznań.

De la dua duono de XVII jarcento ĝis la unua de la XVIII daŭras la senefikaj penadoj por krei en Polujo Ŝtatan sanitaran organizon, kies konstanteco ja dependas de la energio de la Ŝtata organizo kaj konforma nivelo de medicinaj sciencoj. Dume la Ŝtata meĥanismo estis tiutempe disagordita kaj la sola medicina fakultato en Kraków preskaŭ tute falis (en jaro 1602 estis unu profesoro, en 1768 — unu, en 1777 — du). La historiisto Olszewski skribas: „dum la tuta XVII kaj preskaŭ la tuta XVIII jarcento estis Polujo vera rifuĝejo de ĉarlatanoj — ĉiu povis esti doktoro — ĉiu povis fondi apotekon". Sufiĉe, ke la XVIII jarcenton en Polujo oni povas karakterizi kiel epokon de senĉesa lukto kontraŭ la indiferenteco kaj obskuranteco de la socio.

La XIX jarcento trovas Polujon en la postdispartiga epoko — rezulte de kio ankaŭ en la aferoj sanitaraj ekregis fremdaj normoj kej fremdaj leĝoreguloj. En tempoj de Varsovia Duklando (1807 — 1815) la aferojn de la t. n. kuracista polico oni transdonis al la Direkcio por Internaj Aferoj, kaj la hospitalajn kaj la t. n. sanitaran policon al la polica direkcio. La Pola Provizora Registaro, kreita de Napoleono, la t. n. Reganta

Komisiono organizis departamentajn administrajn ĉambrojn (respondantaj al la hodiaŭa vojevodejo) kaj plenumajn ĉambrojn distriktajn, kiuj komence dividiĝis je apartaj fakoj. En la departamentoj kaj distriktoj la funkcioj de kuracista kaj sanitara policoj eskis komisiitaj al t. n. korpoj kolegiaj. Sed jam en jaro 1807 oni kreis la Plejsuperan Kuracistan Direkcion (speco de Ministerio por Sanecoj aferoj) kaj samajn direkciojn en apartej departamentoj. Tiamaniere kreiĝis unuafoje la pola Ŝtata sanitara organizo, modelita je la prusa sistemo, superiganta ĝin tamen per tio, ke ĉe la supro de la Plejsupera Kuracista Direkcio staris kuracisto, kvankam la Plejsupera Kuracista Direkcio ne estis institucio egalsimila al Ministerio por Sanecaj aferoj, ĉar la findecidoj apartenis al la Ministerio de Polico kaj Ministerio por Internaj Aferoj.

La organizo de Saneca Servo el la jaro 1807 normigita per la dekreto de reĝo Frederiko Aŭgusto estis granda paŝo antaneŭ, ĉar: 1) ligis sub unu gvido la kuracistan policon, la policon sanitaran kaj la hospitalservon, 2) kreis aparian Kuracistan Departamenton ĉe la Ministerio por Internaj aferoj, havantan konforman plenumforton, 3) starigis ĉe la supro l'Departamento kuraciston, 4) vokis al vivo novan fakulan institucion de granda signifo, t. n. „Ĝeneralan Kuracistan Konsilantaron".

Per starigo ĉe la frunto de la sanitara organizo de kuracisto, Polujo multe antaŭvenis Prusujon, kiu nur en jaro 1910, do cent jarojn pli poste, decidiĝis komisii tiun postenon al kuracisto; ĝi antaŭvenis ankaŭ Francujon, kiu nur en jaro 1848 ricevis la ĝustan Ŝtatan organizon sanitaran.

Daŭra merito de Ĝenerala Kuracista Konsilantaro estas la iniciato de enkonduko de deviga vakcinado en jaro 1810. La Instituto de Vakcinado estas la sola institucio, kiu postrestis ĝis al hodiaŭaj tagoj de la tempo de Varsovia Duklando.

La leĝo el la jaro 1817 en tempoj de Kongresa Reĝolando dum la regado de caro Aleksandro I estis malprogresiga kompare kun la leĝo el la jaro 1809, ĉar la Kuracista Departamento en la Ministerio ne estis restarigita, ĉe la centra registaro de la Ŝtato ne ekzistis aparta organo por sanitaraj aferoj kaj la Ĝenerala Kuracista Konsilantaro havis sole karakteron sciencan kaj konsilan, sed ne administran.

Fine la leĝo el jaro 1840 estis la lasta sanitara leĝo, publikigita de la Registaro de Pola Reĝolando, ĝi estas samtempe ĝis nun la sola kaj la plej bona pola Ŝtata leĝo sanitara; ĉe la centra registaro kreiĝis aparta departamento t. n. civilekuracista; estis ankaŭ Kuracista Konsilantaro, al kiu prezidis la sama inspektoro, kaj kiu kunlaboris kun la Departamento; estis kreita tuta reto da malsuperaj kuracistaj oficoj (en vojevodejoj kaj en distriktoj).

Sed post dekkelke da jaroj venis por Polujo pezaj tempoj — en jaro 1867 aperis ukazo de caro Aleksandro II: „la Kuracistan Konsilantaron de Pola Reĝolando, la Kuracistan Departamenton ĉe Komisiono por Internaj aferoj kaj la Oficon de Ĉefinspektoro por Saneca servo en Reĝolando — tui nuligi". — Jen barbara malamiko de civilizo kaj kulturo superŝutis ĉiujn v vigajn fontojn de nacia energio, nuligis per unu plumstreko la ekziston de l'nacio — kondamnis nin je fizika kadukeco kaj venenis la nacian animon por longaj jaroj per morala putraĵo.

Post longaj jaroj de mallumo kaj mallibero venis la granda milito kaj kun ĝi la sendependeco de Polujo. La unua ekmovo en la sfero de sanecaj aferoj estis la kreo de aparta Ministerio por Sanecaj aferoj, kiu plenumis grandegan rolon, defendante Polujon de infektaj malsanoj venantaj de la Oriento.

Tamen en la lastaj tempoj pro diveraj politike-partiaj fluktuadoj kiel ankaŭ pro la financa saniĝado oni kasigis en Polujo la Ministerion por Sanecaj Aferoj kaj kreis ĉe Ministerio por Internaj Aferoj t. n. Generalan Direkcion por Saneca Servo kun kuracisto ĉe la frunto. Tiu paŝo evidentigas, ke la pola socio ne sufiĉe nun taksas la signifon kaj gravecon de sanitaraj aferoj kaj la sferon de publika saneco.

**Dr. Artur Starzyński**
Sanitara Inspektoro de l'urbo Łódź.



# El la pensoj de Bolesław Prus.

Kiel naturo, lasita al si mem, eldonas produktojn same utilajn kiel malutilajn kaj por homo indiferentajn, tiel same la animo socia, lasita al sorto, apud malmulto de bonaj elementoj enhavas multon de malbonaj.

Sed kiel la naturon per helpo de konscia laboro oni povas inklinigi al naskigado de produktoj por ni utilaj, same ankaŭ la animon socian, per helpo de saĝa kaj pacienca laboro, oni povas riĉigi en la valorojn kaj limigi ĝiajn malbonajn inklinojn.

**Esperantigis K.**



# EL LA INTIMAĴOJ DE LODZ'A ESPERANTUJO.

## I.

### Lamenta babilado pri nenio.

Moto:
...tute same, majstro, al mi senkompate, kiam certe ĝin jam teni mi esperis, glitis for el miaj manoj verda laŭro. *St. Schulhof.*

Kiel malgaje post flugoj Ikaraj
De l'rim' mendita iĝi kungluanto!
Kiel malgaje post himnoj fanfaraj
De l'proza tago fariĝi laŭdanto
Kaj kiam suno jen ekbrilis maje —
Al Fajfo odi... ho, kiel malgaje!
Sed bone tamen post stulta deliro,
Post nazmukula ĉi-bovida ravo,
Kordojn ŝanĝinte sur malnova liro —
Jen fulmekbrili per satira glavo
Kaj en amika babilet' intima
Iom rideti en la formo rima.

Ĉar kio restis por mi pli konvena
Ol ĉi-modesta de l'Kronik' nutrado?
Krom babilado tiu neĉagrena
Kun indulgema Fajfo-kamarado?
Super neĝena de la pensoj fluo,
Ĉu estas iu pli loganta ĝuo?
Ĝoje mi cedas el vasta areno —
Kun „Babiladoj" faras aliancon:
Soneton lasas mi jen sen ĉagreno
Kaj jam nek unu mi kungluos stancon
Same nek unu kvinlinian strofon!
— Ĉu mi jam devas imiti Schulhof'on?!
Aliaj grimpu sur verdan Parnason:
Penu, ŝvitiĝu super la Rimaro —
Ne partoprenos mi plu tiun ĉason,
Se bona estas ĉi-tia komparo,
Ĉar en Rimaro esperanta nia
Ĉasaĵo ofte pli ol iluzia:

Ĝis kiam oni en tem' ne elektas,
Sed ajnon ŝmiras dum mens'-mallum ĝo
Iel ankoraŭ sin linioj plektas,
Sed se ekzemple stanco por rimiĝo
Bezonas vortojn du por tia „nokto"
Vi havas sole vokto kaj dekokto!
Ĉu do pendiĝi, se por dolĉa „kiso"
Vi el Rimaro povas nur elpreni
Jen vortojn kiel turkiso, narciso,
Kiujn ne povas vi ja ĉirkaŭpreni —
Ĉar jen por dua (bela fantazio) —
Vi devus eble esti papilio?
Aŭ ĉu por kisi vin kaptus volonto
Jen antaŭ friso, poliso, paliso!
Kaj ĉu ne estus efektiva honto
Aliajn rimi? Ĉar kun.........
— Pardonu grandaj dioj! — ĉu vi-bardo
Povus ekstari sub verda standardo?!

Mi jam ne volas la aliajn citi,
Kies rimligo estas ironio.
Cetere, kiu scipovas profiti
El la Rimaro — tiun helpu Dio!
Nur se vi fosas jam ĉi-nian sulkon —
Kun ĝi almenaŭ vi ne rimu bulkon.
Ve, Majstro kara tute ne atentis,
Ke iam venos da poetoj vico.
Kial do tion Li ne antaŭsentis
Kaj lasis tiel al de l'sort' kaprico?
Nun nemirinde, ke en „fruruĝaĵo"
Iu nin logas de „malproksimaĵo".
Ho rimoj, rimoj! Kiel melodie
Vi en la diajn ligiĝas akordojn —
Same la ondoj fluas harmonie
Per takt' konsenta atakante bordojn,
Ĝis eks lentas en mildiĝa ritmo...
Pest'! ritm' rimiĝas nur kun logaritmo!

Kara Fajfanto! vi vidas ja klare,
Ke versgluado ne estas facila:
Rokojn dismetis lingvo malavare
Kaj nepra tie-ĉi lerteco stila,
Ĉar ŝviteltira estas ĉi-mastiko,
Kiu la tuton gluas kun efiko.
Tial, ho kara, eble por estonto
Vi jam ne estos tiom postulema —
Mem vi ja vidas, ke krom la volonto
Kaj krom la nepra ĉi-fadeno tema,
Peno bezona en la alta grado
Eĉ... por modesta tia babilado.

**St. Br.**

# La Eskima Stango.

## Fantazia fabelo de Bogusław Adamowicz.

Unu eskimo preparis sin al longedaŭra vojaĝo. Multajn mejlojn li devis trakuri per helpo de la ski-glitiloj sur la vastaj, per eterna neĝo kovritaj, ebenaĵoj, kaj multaj danĝeroj minacis lin en tiu soleca vojo.

Li armiĝis kiel li povis kontraŭ malbonaj akcidentoj. Li prenis pafarkon kaj sagojn pintigitajn je fiŝostoj, por defendi sin kontraŭ sovaĝaj bestoj. Li prenis iom da ŝimodoraj fiŝoj kaj pecon da maldolĉa viando, li ne forgesis pri la nedisigebla fajreligilo kaj peco da bonege sekigita musko, anstataŭanta brulspongon.

Fine li vestiĝis en varman vojaĝveston, kudritan tiamaniere, ke ĝi ne malhelpante la movliberecon povu tralasi malplejmulte da malvarmo, sed antaŭe li fortege frotis sian korpon per balengraso. Tiamaniere aranĝita, li adiaŭis sian rondon familian kaj eliris el la sufoka jurto, sed antaŭ ol li alligis al la piedoj la longajn lignajn glitilojn—la „skiojn", li antaŭe elserĉis la plej longan stangon trovitan en la ĉirkaŭaĵo, kiu estis tiel longa, ke la eskimo ne povis apogi sin sur ĝi dum la kurado, sed devigita estis ne nur porti ĝin en la manoj sed tiri.

„Kial vi prenas en la vojon la nebezonan pezon?" —oni demandis kun miro. — „Kio hodiaŭ estas por mi pezo, tio morgaŭ povos alporti mildigon kaj savon",—respondis li,

ev tante klarigon kaj ekkuris kun tia rapideco, ke la glitstangoj ekfajfis kaj la longa stango ekbruis saltante sur la glaciigita neĝo. Baldaŭ li malaperis.

Ne mankis malbonaj akcidentoj dum soleca vojiro. Eluzita estis la armaĵo, kaj la modera provizo de nutraĵo, sed antaŭ ĉio la skioj, kiuj pli rapide ol la kurado de la plej rapidaj renocervoj mallongigis la spacon, kiun li devis trakuri por atingi sian malproksiman celon.

Ŝajnis, ke nur la stango estis sencela ŝarĝo, malfaciliganta troe la vojiron. De tempo al tempo li renkontis la ... mantajn jurtojn, malofte rimarkeblajn sur la nordaj neĝkampoj, kvazaŭ oazoj sur dezertoj de varmega sablo.

Kaj kiam, jam ripozinte, li ekmarŝis, oni demandis lin kun scivolemo. „Por kio estas bezona tiu tiel longa stango?" —„Por lukti kontraŭ la neĝventego." Tiel li respondis unufoje. Alifoje al la sama demando li respondis: „La stango estos bezona por konstruo de la domo." — Ĉiuloke oni ridis pro tiuj respondoj, sed li tion ne atentis. Li dankis por la gasta favoro kaj ekkuris antaŭen sur la blankaj spacoj de apudpolusaj kampoj.

El ĉiuj akcidentoj minacantaj la vojirantajn, la plej malbona estas la neĝblovado. Ĝi surkovras ĉion kion ĝi povas kapti, ĵetante ĝin sur la ebenaĵon. Jam multajn tagojn la eskimo trapasis envoje kaj ankoraŭ ne renkontis tiun danĝeron; sed unufoje subite komenciĝis sovaĝa neĝventego. Kiam li estis alproksimiĝanta jam al sia celo, la ĉielo nebuliĝis, subite ekblovis malvarmaj ventoj kaj ekkomencis neĝi tiel abunde, ke la glitkurado estis malebligita. La eskimo haltiĝis kaj forĵetis jam nebezonajn skiojn, alvenis tempo por uzi la stangon. Li ekkaptis ĝin ambaŭmane, unu finon de la stango enfosis en la neĝan grundon, kaj komencis ĉirkaŭeniri.

Senĉese li ĉirkaŭiradis tuj apud la elstaranta stango, kvazaŭ trotetante, kaj piedbatis la neĝon. Li faris en la neĝo mallarĝan rondan kavon, kiu profundiĝis, kiam la flankoj ĉiam satigataj per falanta neĝo kreskis supren.

En tempo preskaŭ de unu horo ili atingis la altecon de liaj brakoj, kaj li senĉese trotetis ĉirkaŭen, por ne restu surŝutita de falanta neĝo la vasta spaco, kiun li kavigis per senlaca movado de sia korpo. Li devis elstreĉi ĉiujn siajn fortojn por ne fali lacigita, ĉiam li ĉirkaŭiradis kaj trotetis ĝis tiu momento, kiam la falanta neĝo surarkiĝis super lia kapo. Fine la neĝarkaĵo kunglujiĝis forte. Jam lia domo, laboreme eltrotita, estis preta. Li povis nun ripozi.

Li sidiĝis, manĝinte fiŝon, li plifortiĝis kaj en varmeco sen manko de aero, sendanĝera, li komencis atendi savon. Kiam la neĝblovado post kelke da horoj trankviliĝis, la jurtloĝantaro eliris el la kabanoj por serĉi kaptaĵon kaj trovi viktimojn de forpasinta ventego. Ekvidinte elstarantan malgrandan parton de l'stango, oni divenis, kie oni devas serĉi la eskimon.

De tiu tempo datumiĝas la kutimo de nordaj popoloj prenadi ĉiam dum malproksimaj vojiroj longajn stangojn.

Tiun rakonton, kiun oni transdonis al mi en mia feliĉa juneco kiel veraĵon, mi transdonas al vi bodiaŭ kvazaŭ fantazian fabelon.

Mi volas nur kredi, ke tamen en vera nia efektiveco, tio estas en nia ĝisnuna vivo, kie ĉio en rapida trafluo celas malproksiman celon, estas bone sin provizi en ĝusta tempo per io ajn, kio ne nepre taŭgas al la oportunaĵoj de l'vivo, en iun ajn penson ne surteran, en iun ajn amon esceptan, en iun ajn ideon pli altan, kvazaŭ je mezuro de tiu eskima stango, se ni ne volas mizere esti surĵetitaj per la terure grandega ventego de okazintaĵoj kaj ekmalaperi sen postsigno en memoro de tiuj, kiuj venos post ni.

**Tradukis T. K.**

Andrzej Niemojewski.

# La hundo de Fenicio.

Fenicio, la ĝardeno de floroj, — donu Baal, ke ne invadu ĝin Aŝur kaj Mucur — dormetas plendolĉe ĉe la Mediteraneo.

Giajn bordojn gardas la staranta sur roka pinto Ŝtona Hundo. Tial sendanĝera estas en Tiro reĝo Hiram kaj ĝuas pacon liaj militistoj. La dormo gluas ankaŭ la palpebrojn de loĝantoj de Sidono kaj de ĉiuj urboj ĝis Baal-Bek.

Estas nokto plenstela. La Ŝtona Hundo levas de tempo al tempo la orelojn. Sed sur la mara vastaĵo ne aŭdiĝas la ritma plaŭdado de remiloj de Mucur. La hundo turnas la orelojn en la direkton de Libano. Ne estas aŭdata laŭtakta paŝado de milaj piedoj de Aŝur.

La hundo trankviliĝis. Li oscedis, eksidis kaj mallevis la kapon sur la etenditajn manegojn.

Enue al li estas. Do ree li levas la kapon kaj por tempmallongigo direktas la okulojn ĉielen.

Kaj tie, inter la noktaj lumoj de la blua firmamento, plenumiĝas historioj.

Jen ĝuste enpaŝas kun brulantaj torĉoj la kvar filoj de Naŝ, portante la kadavron de l'patro. Aŭtaŭ ili trenpaŝas la patrino Valdana kun la plej juna fileto ĉe la sino. La vizaĝon malĝajegan ŝi turnas sur la ĉielan senmezuron, per ardanta okulo observas la malproksimon, ĉu eble ne kaŝas sin ie la mortiginto de Naŝ, Gedi, kiun perfidos la brilanta pompe armaĵo. Valdana serĉas venĝon je li. Ĉiunokte ŝi eliras sur la firmamenton, ĉiunokte migras ŝia rigrado tra la blua senmezuro.

La Ŝtona Hundo suprenlevis la kapon, kaj pinte starigis la orelojn.

Jen, sur la dua flanko de la safira arkaĵo efektive aperis Gedi. Kiel pompe brilas lia kiraso! Sed Gedi estas singardema. Li rimarkis la kvar torĉojn, rimarkis la malĝojan Valdanan, lia vizaĝo ektremis flagre kiel kiraso. Li ne iros renkonte al la kvar junuloj. Jam li volas returni. Sed aperas sur la ĉielo Suhel, kies kasko flagras sur la fono de la blua vastaĵo kiel diamanto. Gedi havas en li aliancanon. Jam li ne timas Valdanan kaj ŝiajn filojn.

La Ŝtona Hundo turnis la orelpintojn en la direkton, kie lumis Gedi kaj Suhel.

Sed Suhel nur ŝajnigas, ke apogas la aliancanon kontraŭ Valdana kaj ŝiaj filoj. Liaj avidaj okuloj rigardas alian flankon. Tie en malproksimo brilflagras sur la firmamento la perdita sepstela diademo Kimahu. Ne li ĝin perdis. Jen tie paŝas jam tiu, kiu serĉas ĝin jam tutajn jarcentojn, paŝas la malfeliĉa Aldabaran kaj kun li sen plorantej liaj filinoj. Ili ĉirkaŭrigardas la vojon de siaj paŝoj kej serĉas, malsuprenlevas funden la kapojn kaj serĉas. Ili ne vidas Kimahu! Vidas lin Suhel, sed ili lin ne vidas. Suhel ŝtelproksimiĝas, etendas la manon, jam post momento ekkaptos la rabaĵon per tremavida mano.

La Ŝtona Hundo ekfulmis minace per okuloj kaj ekknuris. Lia ekknuro aŭdiĝis maproksimen tra la maro kaj tra Libano, ke en Tiro reĝo Hiram sur la kuŝejo sin turnis maltrankvile sur alian flankon kaj same sin turnis sur la kuŝejo liaj militistoj. Kaj ĉiuj loĝantoj de Sidono komencis ion tra la songo murmuri, same la loĝantoj de aliaj urboj ĝis Baal-Bek.

La Ŝtona Hundo perecptiĝis, kuntiris la orelojn kaj mallevis la kapon sur la manegojn.

Sed estas al li enue. Ree li suprenlevas la okulojn kaj rigardas ĉielen. Meze de l'zenito flagras Kesil, la katenita giganto. Piedoj kaj manoj krucetenditaj, la manplatoj kaj manoj per kvar steloj trapikitaj. Laŭlarĝe de la giganta korpo

brilflagras ĉeno tristela. La kapo de l'junula giganto malsuprenpendas. La vizaĝo diafana kaj suferplena. En la bluaj okuloj svenemo. Li suferas, suferas jarcentojn. El la blupala buŝo eliĝas ĝemspiro, kiun movas la etero kiel ekblovon de Zefiro.

La Ŝtona Hundo sentas kompaton. Li bedaŭras Kesilon. La giganto ĝuste turnis sur lin siajn dolorplenajn okulojn. La hundo klinas la kapon maldekstren kaj rigardas. Ekmoviĝis, lekis sin. Nun li klinis la kapon dekstren kaj rigardas. Ĉiam pli forte ekregas lin la bedaŭro. Li volus salti de la roka pinto en la spacon, karesiĝi ĉe la piedoj de la turmentata giganto, ĉirkaŭplori la stelajn najlojn, leki la vundojn de l'junulo. Li komencas do plende ĝemboji kaj lia hurlado disiras malproksimen tra la maro kaj tra Libano.

Duan fojon en Tiro la reĝo Hiram ekmoviĝis sur sia kuŝejo kaj duonmalfermis la okulojn kaj ekrigardis ĉirkaŭen. Same ekmalfermis la okulojn kaj ĉirkaŭrigardis ĉiuj liaj militistoj, same la loĝantoj de Sidono kaj aliaj urboj ĝis Baal-Bek.

La Ŝtona Hundo denove perceptiĝis, eksilentis do, ekkaŭris kaj decidis pro nenio rigardi sur Kesilon.

Sed estas al li enue, tre enue. Li ŝtelrigardas, sed nur laŭhorizonte.

Ĝuste orienftlanke elnaĝis sur la bluan ĉielspacon Helel, la antaŭiranto de Ŝamaŝ, la sunsinjoro. Belega junulo kun vizaĝo de vulturo, kun barbo frizita kaj forte elstaranta brusto. En liaj pupiloj potenco kaj en la tuta staturo ordono. Li forpelos Suhelon, je lia signo devos foriri Gedi. Valdana kun la post ŝi treniĝanta funebra sekvantaro malsupreniros post la horizonton. Foriĝos ankaŭ Aldabaran kun siaj ploristinoj. Kaj Ŝamaŝ, la sunsinjoro, venos seperlumi la giganton Kesilon kaj elmontri super li sian potencon. Li aperos en ruĝora radiaro, en torentoj de lumo, reĝo de reĝoj kaj dio de dioj.

Sed la lumoj de la nokto ne ŝatas la lumojn de l'tago, ĉar siajn aferojn ili ankoraŭ ne ĝisfinis, kaj pasis jam jarcentoj. Aldabaran ne trovis Kimahu kaj tial vidva estas lia reĝolando sendiadema. Valdana ne plenumis sian venĝon je Gedi, pro kio la filoj de Naŝ ekhaltas ĉiukelkmomente kun la kadavro de la patro kaj kun ega kolero rigardas en la flankon de Helel. Suhel ne sukcesis ekkapti la sepstelan diademon. Pro kio malhelpas al ili Helel? Kial li tiel rapidigas? Li kial forpelas ilin de la vojo de Ŝamaŝ? Kial Ŝamaŝ turmentas Kesilon?

Sed jen la tuta ĉielo ekflagris minace, tiel ke Helel devis etendi la manon dekstraflanken por kapti la glavon dutranĉan. Li estas ĉi-tie la antaŭiranto de l'sinjoro, li ordigas la mondvojon por lia apero kaj nenio estas la aferoj de ĉiuj kontraŭ la aferoj de Ŝamaŝ.

La Ŝtona Hundo penleviĝis sur la manegojn. Li estas entute absorbita de la afero de aferoj. Ardantajn okulojn li turnis sur Aldabaranon, kiu ekrigardis lin malestime. La Ŝtona Hundo piklevis la hararon, la okulojn ekdirektis je Suhel. Tiu-ĉi montris al li pugnon. La hundo ekfulmis per dentoj, ekbojis.

Lia ekbojo aŭdiĝis malproksimen tra la maro kaj ene resonis de la multaj intermontaĵoj de Libano. Reĝo Hiram eĉ eksidis sur la kuŝejo, ekfrotis la okulojn kaj volis ekkrii. Same eksidis sur la kuŝejo kaj volis ekkrii ĉiuj liaj militistoj kaj ankaŭ ĉiuj loĝantoj de Sidono kaj aliaj urboj ĝis Baal-Bek.

La Ŝtona Hundo ektimis, falis sur la manegojn, alpremis sin tuta al la roko kaj ne kuraĝis jam eĉ sonon ellasi, ĉar sentis, ke senbezone li ekmaltrankviligis la reĝon, la militistojn kaj la loĝantojn de ĉiuj urboj ĝis Baal-Bek.

Li plu ne rigardas, sed sentas bonege, kio okazas sur la firmamento. Malaperas Aldabaran kune kun la ploristinoj, malaperas Valdana kaj ŝiaj filoj. Gedi foriras kaj Suhel forras. Helel per flamanta glavo forpelas ilin ĉiujn. La Ŝtona Hundo tremas tutakorpe, de ĉiu lia haro gutas ŝvito. Ha, jam palas la superlumita de lumo matena Kesil. Jam aperas la rugora radiaro, jam ŝprucas torentoj de lumo, tuj elnaĝos Ŝamaŝ, la sunsinjoro. Jam fluas tra la aero lia varma spiro. Radioj multkoloraj ondas molakante. Ankaŭ la maro malsupre ludas. La aero estas aroma, la brilo estas blindiga, la varmo dormigas, frumatenajn sendas revojn kaj frumatenajn songojn.

Ha, ekdormas fine la fidela gardisto de Fenicio, ekdormas kaj songas sian junecon kaj la tempojn, antaŭ ol li ekstaris ĉi-tie sur la pinto apudmara.

Kiam li kuris libere tra la montaro de Libano kaj amon serĉis. Li serĉis kaj trovis. Kie ĝi estis? Kiam ĝi estis? La cedroj semis rezinan odoron kaj reĝo Hiram diris: „ellasu la estontan fidelan mian gardiston, li ekkuru tra Libano kaj li trovos sian amon". Tiel parolis reĝo Hiram. Tiam du militistoj deprenis de li la ĉirkaŭkolaĵon kaj diris: „kuru tra Libano, estonta fidela gardisto de nia reĝo Hiram, kiu permesis al vi, ke vi trovu amon vian". Li do ekkuris, kuris unue supren sur Libanon kaj poste de Libano malsupren, post la akvojn de Nar-el-Mot, kiuj nomiĝas la Akvoj de Morto, post Bet-Rummananan, kiu nomiĝas Domo de Pomoj Granataj, ĝis Miŝmiŝe, belega kaverno, antaŭ kiu kuŝis la dolĉa Bekfea, kun ora hararo kaj verdaj okuloj, kiu eĉ ne moviĝis je lia renkonto sed ŝajnigante, la belan kapon turnadis flanken.

Kie nun estas la belega kaverno Miŝmiŝe, de rememoroj plena? Kie Bekfea? Kie la belaj tagoj varmegaj, kiam li kuradis libera, devojn ne konanta, la amon inda? Diris iun tagon

reĝo Hiram: „Jam verŝajne satĝuis mia estonta fidela gardisto. Mortis la maljuna Radja; li nun ekstaru sur la roka pinto kaj gardu Fenicion". Tiel diris reĝo Hiram. Kaj tuj eliris du militistoj sur la unuan kaj duan flankon de Libano kaj komencis fajfi. Ili fajfis duoron da tago. Kaj tiam la fajfado de la unua atingis la belan groton Miŝmiŝe. Je vespero venis la dua fajfado. Tiam diris Bekfea: „Nenio povas daŭri eterne". Kaj ili adiaŭis, adiaŭis por ĉiam.

Unu restis: la sonĝo. Pasis tempoj, pasis jarcentoj. Kaj post ĉiu nokta gardo sur la roka pinto, kiam sur la ĉielo aperas la ruĝora radiaro de Ŝamaŝ, kiam la aero kantas per koloroj, kiam de la vizaĝo de la sunsinjoro torente falas la varmo, revenas tiu sonĝo, revenas kaj karesas rememore...

Sed jen kio? Kia ritma plaŭdo jen aŭdiĝas sur la mara vastaĵo? Kiaj remiloj jen batas la bluan akvaron? Ĉu eble ĝi estas la paŝado de milaj piedoj de Aŝur?

Ne, Aŝur senfortigita kuŝas en Ninivo. Ĉu do Mucur sidiĝis sur la ŝipojn kaj tranaĝis la bluan maran ondaron?

La Ŝtona Hundo saltleviĝis kaj komencis bojegi.

Ektremis la tuta aero en Fenicio. Reĝo Hiram en Tiro vekiĝis kaj saltleviĝis el la kuŝejo. Same saltleviĝis el la kuŝejo ĉiuj militistoj kaj ĉiuj loĝantoj de Sidono kaj aliaj urboj ĝis Baal-Bek.

La bojado estis ĉiam pli laŭta, ĉiam pli furioza. Reĝo Hiram ekkaptis laglavon kaj komencis sonorbati per ĝi en ŝildon.

Alkuradis al lia kastelo ĉiuj militistoj kaj loĝantoj de Tiro, Sidono kaj aliaj urboj ĝis Baal-Bek.

Kuris la loĝantoj el Berot, Gazir kaj Aradus. Fenicio, la ĝardeno de floroj, eksvarmis kvazaŭ per zumo de abeloj kaj nuboj de multkoloraj papilioj.

Kaj la bojado apud la maro kreskis ĉiam pli.

Jen montriĝis triremilaj ŝipoj, faris grandegan rondon kaj ordiĝis en du vicoj. La Ŝtona Hundo hurlas, furiozas.

Sed jam la tuta marbordo de Fenicio pleniĝis de militistoj, kiujn en grandegan kaj profundan duonrondon ordigis reĝo Hiram.

Tiel staris kontraŭ si: Mucur sur la maro kaj Hiram sur la tero, kaj inter ili hurlis la Ŝtona Hundo, la fidela gardisto de Fenicio, havu lin Baal en sia gardo!

Aŭdiĝis sono de la reĝa ŝildo kaj la tuta Libano ekbruis per krioj de ^preteco.

Tiam la Ŝtona Hundo saltis en la maran profundon. La militistaroj haltigis la spiron.

Kaj jen ekŝaŭmis la akvaro kaj samtempe komencis de la ŝipoj fajfi tra la aero la sagoj. Ili traflugis preter la oreloj de l'hundo kaj plaŭde falis en la akvon. Poste elflugis blankaj ŝtonkugloj, kun muĝo rulis tra la blua aero kaj falis apud la kapo, ŝprucegante per akvo en ĉiujn flankojn.

La Ŝtona Hundo, spiregante kaj bojante, naĝas pluen. Post momento li troviĝos jam proksime de la ŝipo, sur kiu inter la sekvantaro staras la Faraono mem. Momenton, kaj li saltos sur la ferdekon, ĵetos sin kun la dentegoj al la gorĝo de Mucur.

Blankaj ŝtonkugloj falas kun plaŭdego ĉirkaŭ la monstra hunda kapo. La maro bolas. La Faraono paliĝis.

La militistaro de Hiram eligis ĝojkrion. Sed tro frua estas ĉi-ekkrio, tial ĝi tuj silentiĝos.

Ordiĝis sur la ŝipoj duoblavice la lanculoj. Ili levis la manojn, celas. Ellasis nubon da lancoj.

Ree ekbolis la maro ĉirkaŭ la monstra kapego. La Ŝtona Hundo netuŝita. Li laboras ĉiam pli intense. Jam li troviĝas proksime de la enakvigitaj en la maron remiloj.

Duafoje aŭdiĝis ĝojbruo ĉe la malsuproj de Libano inter la militistaro de Hiram. Sed tro frua estas tiu venkkrio, kaj ĝi tuj silentiĝos. Kaj tria ekkrio jam tute ne estos.

Sur lokon de lanculoj elpaŝis la ŝtonĵetilistoj de Mucur. Ili metis ŝtonojn en siajn ĵetilojn kaj dufoje rondsvingis per ili en la aero. Sed la Faraono donis signon kaj ili faligis la manojn.

Li prenis mem sian grandegan pafarkon, prenis sagon el la sagujo, almetis ĝin, streĉigis la tendenon kaj fermetis la dekstran okulon.

La okuloj de la Ŝtona Hundo sangkovriĝis. Interrompata hurlado eliĝas el lia gorĝego. Laborante per potencaj manegoj li jam alnaĝas al la reĝa ŝipo.

Sur la Fenicia marbordo la spiro haltiĝas en la brustoj de la militistoj kaj nun reĝo Hiram tre paliĝis.

Mucur estas trankvila kaj ĉiam pli bone fermetas la dekstran okulon.

En ĉi-momento la Ŝtona Hundo naĝatingis la unuan vicon de remiloj. Li apogis sur ilin la antaŭajn manegojn kaj poste la malantaŭajn. Dum momento li serĉis ekvilibron kaj poste, repuŝiĝinte, eksaltis en la aeran spacon.

Sed kiam li trakuris la duonon de l'vojo ĝis la ferdeko, ekgrincis la tendeno de Mucur, ekfajfis lia sago, dolora hurlo aŭdiĝis en la aero kaj la grandega korpo kun plaŭdo falis en akvon. Timega bruo aŭdiĝis ĉe la malsuproj de Libano kaj la militistaro volis forkuri, ke apenaŭ haltigis ĝin la pala kiel tolo reĝo Hiram.

La maro koloriĝis de sango ruĝa. La Ŝtona Hundo jen subakviĝadis, jen elnaĝadis. Liajn okulojn kovradis nebulo. Brvo plenigis liajn orelojn. Ŝajnis al li, ke iaj potencaj ŝipoj traneĝis remilplaŭde super li en la direkto de la marbordo, ke aŭdiĝis krakego de arbalestoj, ventfajfado de sagoj kaj tondra muĝo de flugantaj lancoj, ke poste ektintegis la ankrĉenegoj, ke la tumulto batala, ĉu triumfa, ekmuĝis fremdagoĝe. Poste venis songo, ia malnova kaj lasta, kaj en tiu songo Hiram, Fenicio, Be fea...

Kaj poste jam nenio pli.

Sed vantan nokton dezerta estis la roka pinto kaj sur la firmamento paliĝis Mazzarot, la stelo de Fenicio, nomata „Ĝardeno de floroj".

Tradukis Włodzimierz Pfeiffer.

**Henryk Sienkiewicz.**

# SAHEM.

En la urbo Antilopo, kuŝanta apud la rivero de sama nomo, en la provinco Texas, rapidis ĉiu viva en la cirkon. Interesiĝo de la loĝantaro estis des pli granda, ĉar depost la fondo de urbo unuafoje alvenis ĉi-tien cirko de dan istinoj, minstreloj kaj ŝnursaltistoj. La urbo estis ne malnova. Antaŭ dekkvin jaroj ne staris ĉi-tie eĉ unu domo kaj en tuta ĉirkaŭaĵo ne estis blankhaŭtuloj. Anstataŭ tio en la deltoformaj brakoj de la rivero, sur sama loko, kie estas Antilopo, troviĝis indiana vilaĝo Chiavatta. Ĝi estis ĉefa vilaĝo de Nigraj Serpentoj, kiuj siatempe tiel malkvietigis limajn koloniojn germanajn: Berlinon, Gründenaŭon kaj Harmonion, ke kolonianoj ne povis ĉi-tion plu elporti. Indianoj defendis vere nur sian „teritorion", kiun la provincestro de Texas donis al ili por eternaj tempoj per plej solenaj traktatoj; sed ĉu ĉi-tio povis koncerni kolonistojn de Berlino, Gründenaŭo kaj Harmonio? Estas certe, ke ili forprenis la teron de Nigraj Serpentoj, sed anstataŭ tio ili alportis la civilizacion; kaj la ruĝhaŭtuloj pruvis al ili dankemon siamaniere, tio estas deŝirante skalpojn de iliaj kapoj. Tia stato ne povis longe daŭri. La kolonistoj de Berlino, Gründenaŭo kaj Harmonio kolektiĝis dum unu luna nokto en la nombro de kvar cent kaj kun helpo de Meksikanoj el La Ora invadis la dormintan Chiavattan. La triumfo de „bona" afero estis kompleta. Chiavatta estis forbruligita kaj ĝia

loĝantaro sen konsidero de aĝo kaj sekso tute ekstermita. Saviĝis nur malgrandaj aretoj de Indianoj, kiuj tiam eliris por ĉasi. El vilaĝo mem saviĝis neniu precipe tial, ĉar la vilaĝo kuŝis en deltoformaj brakoj de la rivero, kiu, kiel kutime dum printempo, disverŝiĝinte, ĉirkaŭis la vilaĝon per nepenetrebla profundaĵo de akvoj. Sed la sama deltoforma pozicio, kiu perdigis Indianojn, plaĉis al Germanoj. El delto estas maloportune forkuri, sed estas bone en ĝi sin defendi. Dank' al ĉi-tio komencis tuj el Berlino, Gründenaŭo kaj Harmonio elmigrado en delton de la rivero, en kiu momente sur la loko de la barbara Chiavatta fondita estis civilizita Antilopo. Post kvin jaroj ĝi kalkulis du mil loĝantojn.

En sesa jaro oni trovis transe de riverdelto minejon de hidrargo kaj ĝia ekspluato duobligis la nombron de la loĝantaro. En la sepa jaro estis pendigitaj en nomo de la leĝo Lynch sur la urba placo deknaŭ lastaj militistoj de la gento de Nigraj Serpentoj, kiuj estis kaptitaj en proksima arbaro de la mortintoj — kaj depost tiu tempo nenio malhelpis la disvolviĝon de Antilopo. En la urbo aperis du *Tagblattoj* (jurnaloj) kaj unu *Montagsrevue* (lundorevuo). Fervojo ligis ĝin kun Rio del Norte kaj San Antonio; en Opuncia-*Gasse* (Opuncia-strato) troviĝis tri lernejoj, el kiuj unu estis pli alta. Sur la placo, kie estis pendigitaj la lastaj Nigraj Serpentoj, oni konstruis filantropian instituton; pastoroj instruis ĉiun dimanĉon en la preĝejoj amon de proksimuloj, respekton de fremda propraĵo kaj aliajn virtojn, necesajn al civilizita socio; traveturanta lekciisto havis eĉ foje en Kapitolo paroladon „pri rajtoj de nacioj".

Pli riĉaj loĝantoj aludis neceson de la fondo de universitato, kion ankaŭ la provincestro devus kunhelpi. La loĝantaro bone fartis. La komerco de hidrargo, oranĝoj, hordeo kaj vino donis al ĝi grandajn profitojn. Ĝi estis honesta, ordema, laborema, sistema, grasiĝinta. Kiu ajn en pli malfruaj tempoj vizitus Antilopon, kiu kalkulis jam dek kelk mil loĝantojn, tiu en riĉaj komercistoj ne rekonus la senkompatajn militistojn, kiuj antaŭ dek kvin jaroj forbruligis Chiavattan. Tagoin ili pasigis en vendejoj, metiejoj, kontoroj, vesperojn en bierejo „Sub ora suno" en strato de krotaloj. Aŭskultante tiujn voĉojn iom malviglajn kaj gorĝajn, tiujn: *Mahlzeit, Mahlzeit,* tiujn flegmajn: *„Nun ja, wissen Sie Herr Müller, ist das aber möglich?"* (nu jes, vi scias sinjoro Müller, sed ĉu tio nur estas ebla?), tiujn sonojn de glasoj, la bruon de biero, la plaŭdojn de troverŝita ŝaŭmo sur la plankon, vidante la kvieton, la malviglecon, rigardante

la filistrajn, grasigitajn vizaĝojn, fiŝajn okulojn, ni povus pensi, ke ni troviĝas en iu ajn bierejo en Berlino aŭ en Müncheno, kaj ne sur la brulloko de Chiavatta. Sed en la urbo ĉio estis jam *„gans gemütlich“* (tute hejmece) kaj pri bruligaĵoj pensis neniu. Ĉi-tiun vesperon la loĝantaro rapidis en la cirkon, unue, ĉar post la pena laboro — amuzo estas same deca kiel agrabla, due, ĉar la loĝantoj estis fieraj kaŭze de ĝia alveturo. Estas sciate, ke cirkoj ne alvenas en iu ajn urbeton; la alveturo de la trupo de *hon.* Mr. Dean konfirmis ĝis ia grado la grandecon kaj signifon de Antilopo. Estis tamen tria eble plej grava kaŭzo de ĝenerala interesiĝo.

Jen la dua numero de la programo anoncis: „Promenadon sur drato pendigita dekkvin futojn super la tero kun akompanado de muziko plenumos fama gimnastikisto Ruĝa Vulturo, saĥem (militistestro) de Nigraj Serpentoj, la lasta posteulo de reĝoj de la gento kaj la lasta el la gento: 1. promenado 2. saltoj de antilopo 3. danco kaj kanto de la morto“. Se ie, certe en Antilopo la „saĥem“ povis veki plej grandan interesiĝon. *Hon.* Mr. Dean rakontis „Sub ora suno“, ke li antaŭ dek kvin jaroj, traveturante al Santa Fe, trovis sur Planos de Tornado mortantan Indianon kun dekjara knabo. La maljunulo mortis baldaŭ kaŭze de vundoj kaj malfortiĝo; antaŭ sia morto li rakontis, ke la juna knabo estis filo de la mortigita „saĥem“ de Nigraj Serpentoj kaj heredanto de lia rango.

La trupo prenis al si la orfon, kiu kun tempo iĝis plej bona akrobato. Cetere *hon.* Mr. Dean ne pli frue ol „Sub ora suno“ sciiĝis, ke Antilopo estis jam Chiavatta — kaj ke la fama ŝnursaltisto montriĝos sur tomboj de la gepatroj. Ĉi-tiu sciiĝo bonhumorigis la direktoron; li povis nun certe esperi *great attraction* (grandan atrakton) kondiĉe, ke li eluzus bone la fakton. Kompreneble la filistroj de Antilopo interpremante iris en la cirkon, por ke ili al importitaj el Germanujo edzinoj kaj filoj, kiuj neniam dum sia vivo vidis Indianon, montru la lastan el Nigraj Serpentoj kaj diru: „Rigardu, jen tiajn ni ekstermis antaŭ dekkvin jaroj.“

Estas agrable aŭdi tian ekkrion de admiro el buŝo de Amanjo kaj Friĉjo. En tuta urbo oni ripetadis senĉese: Saĥem, saĥem.

Infanoj jam de mateno enrigardis tra fendoj en tabuloj kun vizaĝoj scivolemaj kaj samtempe teruritaj, kaj pli aĝaj knaboj, plenigitaj per pli militema spirito, revenante el lernejo, marŝis minace, ne sciante mem, kial ili ĉi-tion faras. Oka horo vespere. Nokto ravanta, serena, stelplena. Blovo

el ekstere de la urbo alportas bonodorojn de oranĝaj arbaretoj, kiuj en la urbo miksiĝas kun odoro de malto. En la cirko ardas bruliuĝo de lumo. Grandegaj peĉaj torĉoj, fiksitaj antaŭ la ĉefa pordo, brulas kaj fulgas. Bovo ŝancelĝas plumtufon de fumo kaj de brilega flamo, kiu lumigas malhelain konturoin de la konstruaĵo. Ĉi-tiu estas ĵus konstruita budo ligna, ronda, kun pinta tegmento kai stela usona flago sur la supro. Antaŭ la pordo amasoj de homoj, kiuj ne povis eniron aĉiri aŭ ne havis sufiĉe da mono por la bileton aĉeti, observas veturilojn de la trupo kaj precipe la tolan kurtenon de la granda enirejo, sur kiu estas pentrita batalo de blankuloj kun ruĝhaŭtuloj. En momentoj, dum kiuj la kurteno estis iom malfermita, oni vidis lumigitan internon de bufedo kun centoj da vitraj bierkruĉoj sur la tablo. Jen oni tute malfermas la kurtenon kaj la popolamaso eniras. Malplenaj trairejoj inter la benkoj komencas resonigi piedbatojn de la homoj kaj baldaŭ kovras malhela moviĝanta amaso ĉiuin trairejojn de supre ĝis malsupre. En la cirko estas hele, kiel dum tago, ĉar, kvankam oni ne povis en ĝin trakonduki gasajn tubojn, grandega kandelabro kunmetita el kvindek petrolaj lampoj ĉirkaŭverŝas la arenon kaj rigardantojn per torentoj de lumo. En ĉi-tiuj briloj oni vidas grasiĝintain kapojn de biertrinkuloj, klinitajn malantaŭen por oportuno de iliaj mentonoj, junajn kapojn de virinoj kaj belegajn mirigitajn buŝetojn infanajn, kies okuloj de scivolemo preskaŭ eksteren eliras. Cetere ĉiuj rigardantoj havas mienojn scivolemajn, kontentajn kaj malsaĝajn, kiel kutime cirka publiko. Dum murmuro de interparoloj, interrompataj per krioj: *Frisch' Wasser, frisch' Bier* (freŝan akvon, freŝan bieron)— ĉiuj malpacience atendas la komencon. Fine sonorilo aŭdiĝas, aperas ses ĉevalejestroj en tibingaj botoj kai ekstaras en du vicoj apud enirejo el areno en staloin. Tra tiuj vicoj enfalas sovaĝa ĉevalo sen brido kaj selo kaj sur ĝi io kvazaŭ nubeto de muslino, rubandoj kaj tulo. La dancistino Lina. Komencas dancoj, ĉe akompano de muziko. Lina estas tiel bela, ke juna *Mathilde* filino de bierfabrikanto el Opuncia - *Gasse,* maltrankvilita per ŝia aspekto, kliniĝas al orelo de la juna komercisto Flos el sama strato kaj demandas mallaŭte, ĉu li ŝin amas ankoraŭ? Dumtempe la ĉevalo galopas kaj spiras kiel lokomotivo, vipoj klakas, kloŭnoj, kiuj enkuris post dancistino, kriegas kaj sin vangofrapas, la dancistino flagras kiel fulmo; aplaŭdoj sonas. Kiel belega spektaklo! Sed la numero 1. pasas baldaŭ. Venas la numero 2. La vorto: „saĥem, saĥem" trakuras de buŝo al buŝo inter la rigardantoj. Kloŭnojn, senĉese sin vangofrapantajn, jam neniu atentas. Dum ili siajn simiajn

movojn faras, la servistaro enportas ĉevronojn, altajn dek kelk futojn kaj stariĝas ilin en du flankoj de areno. La muziko ĉesas ludi *Yankee Doodle* kaj ludas malĝojan arion el Don Juan; la servistaro fiksas draton inter la ĉevronoj. Subite fasko de ruĝa bengala lumo falas el flanko de eniro kaj cirkaŭverŝas per sanga brilo tutan arenon. En ĉi-tiu brilo aperos terura saĥem, la lasta el Nigraj Serpentoj. Sed jen kio? Eniras ne saĥem sed direktoro de la trupo, *hon.* Mr. Dean. Li kliniĝante salutas la publikon kaj parolas. Li havas la honoron peti „afablajn kaj estimatajn *gentlemanojn* kaj belajn ne mapli estimatajn *ladies,* por ke ili kondutu sin eksterordinare trankvile, ne aplaŭdu kaj konservu kompletan mallaŭton, ĉar saĥem estas eksterordinare ekscitita kaj pli sovaĝa ol kutime“. Tiuj vortoj faras malagrablan impreson kaj — stranga afero, la samaj *honoratiores* de Antilopo, kiuj antaŭ dek jaroj ekstermis Chiavattan, eksentas nune ian tre malagrablan impreson. Antaŭ momento, dum bela Lina faris siajn saltojn sur ĉevalo, ili ĝojis, ke ili sidas tiel proksime, tuj apud la parapeto, de kie oni povis tiel bone ĉion vidi, kaj nune ili rigardas kun ia sopiro suprajn sferojn de la cirko kaj kontraŭ leĝoj de la fiziko ili trovas, ke ju pli malsupre, des pli sufoke.

Sed la saĥem ĉu li povus ankoraŭ memori? De junaj jaroj li estis ja edukata en la trupo de *hon.* Mr. Dean, konsistanta pliparte el Germanoj. Ĉu li ankoraŭ ne forgesis? Ŝajnis al ili ĉi-tio ne kredinda. Ĉirkaŭantularo kaj dekkvin jaroj de cirka profesio, montrado de artoj, kolektado de aplaŭdoj devis ja fari sian influon.

Chiavatta, Chiavatta! Sed jen ili, Germanoj, ankaŭ estas ne sur sia tero malproksime de sia patrujo, kaj ili ne pensas pri ĝi pli ol *business* permesas. Ĉi-tiun veron devas memori same ĉiu filistro, kiel la lasta el Nigraj Serpentoj.

Tiujn meditadojn interrompas subite sovaĝa fajfo en la staloj — kaj sur areno aperas la maltrankvile atendita saĥem. Aŭdiĝas mallonga murmuro de popolamaso: „Jen li, jen li“ — kaj poste mallaŭto. Siblas nur la bengala fajro, kiun oni ĉe enirejo bruligas. Ĉiuj rigardas la personon de saĥem kiu devas sin montri en la cirko, jen sur la tomboj de gapatroj siaj. Indiano meritas efektive, ke oni lin rigardu. Li aspektas fiere kiel reĝo. La mantelo el blankaj ermenoj — signo de estro — kovras lian figuron altan kaj tiel sovaĝan, ke li memoriĝas ne tute malsovaĝitan jaguaron. Li havas la vizaĝon kiel forĝitan el kupro, similan al kapo de aglo, kaj en ĉi-tiu vizaĝo lumas per malvarma brilo — okuloj efektive indianaj, trankvilaj, kvazaŭ indiferentaj — malbonaŭguraj. Li rigardas per ili la kunularon, kvazaŭ li volus

elserĉi por si viktimon. Cetere li estas armita de piedoj ĝis kapo. Sur lia kapo ŝancel ĝas plumoj, malantaŭ la zono li havas hakilon kaj skalptranĉilon, nur en la mano anstataŭ pafarko li tenas longan stangon, kiu servas por ekvilibriĝo dum iradô sur la drato. Ekhaltinte en la mezo de la sceno, subite li eligas militan krion. *Herr Gott*, jen la krio de Nigraj Serpentoj. Tiuj kiuj eksteimadis Chiavattan, memoras bone ĉi tiun teruran kriegon — kaj mirige tiuj, kiuj antaŭ dek kv n jaroj ne ektimis la milon da t el kriegantaj militistoj, nune ŝvitas antaŭ unu. Sed jen la direktoro proksimiĝas al la saĥem kaj parolas al li, kvazaŭ li volus lin moderigi kaj trankviligi. La sovaĝa besto eksentis bridon — la persvado sukcesas, ĉar post momento saĥem jam balanciĝas sur la drato. La drato malsuprenfleksiĝas forte; momente oni ne vidas ĝin tute kaj tiam Indiano ŝajnas pendi en la aero. Li iras supren; li procedas ankoraŭ, li malantaŭen iras, kaj denove iras ekvilibriĝante. Liaj elstreĉitaj manoj, kovritaj per mantelo, aspektas kiel grandegaj flugiloj. Li ŝanceliĝas!... falas! — Ne! Mallonga, rompita bravo subite leviĝas kiel vento kaj silentiĝas. La vizaĝo de saĥem iĝas pli kaj pli minaca. En lia okulo, fiksita en petrolajn lampojn, brilas ia terura lumo. En la cirko — malkvieto, sed la silenton neniu interrompas. Dumtempe saĥem proksimiĝas al dua fino de la drato — haltas — kaj neatendite el lia buŝo eliras la milita kanto.

Strange! La estro kantas germane. Sed ĉi-tio estas komprenebla. Li certe forgesis la lingvon de Nigraj Serpentoj. Cetere, neniu tion konsideras. Ĉiuj aŭskultas la kanton, kiu intensiĝas kaj plifortiĝas. Tio estas duone kantado, duone ia vokado tre funebra, sovaĝa kaj ronka, plena de rabemaj akcentoj.

Oni aŭdas sekvantajn vortojn: „Post grandaj pluvoj ĉiujare kvin cent militistoj eliris el Chiavatta por surpaŝi militajn vojojn, aŭ fari grandan printempan ĉasadon. Kiam ili revenis el milito, ornamis ilin skalpoj; kiam ili revenis el ĉasado, ili alportis viandon kaj felajn bubalajn, kaj la edzinoj salutis ilin kun ĝojo, kaj dancadis adorante la Grandan Spiriton.

„Chiavatta estis feliĉa! La virinoj laboris en vigvamoj, la infanoj kreskis je belaj knabinoj kaj bravaj militistoj. La militistoj mortis sur la kampo de gloro kaj foriris por ĉasi kun spiritoj de patroj en arĝenta montaro. Iliaj hakiloj neniam sangis per sango de virinoj kaj infanoj, ĉar la militistoj de Chiavatta estis noblaj viroj. Chiavatta estis potenca. Kaj venis blankhaŭtuloj trans malproksimaj maroj kaj enjetis la fajron en Chiavattan. Blankhaŭtulaj militistoj

ne venkis Nigrajn Serpentojn en batalo, sed ili ensteliĝis nokte kiel ŝakaloj kaj ili kaj tranĉiloj sangis en la brustoj de dormintaj viroj, virinoj kaj infanoj.

„Kaj jen ne ekzistas plu Chiavatta, ĉar sur ĝia loko la blankhaŭtuloj konstruis siajn ŝtonajn vigvamojn. La ekster mita gento kaj detruita Chiavatta vokas vengon.“

La voĉo de la estro fariĝis ronka. Nune li balanciĝante sur la drato aspektis kiel ia ruĝa ĉefanĝelo de vengo, leviĝanta sur la kapoj de popolamaso. La direktoro mem estis malkvietigita. En la cirko fariĝis morta mallaŭto. Kaj la estro hurlis:

„El tuta gento restis unu infano. Li estis malgranda kaj malforta, sed li ĵuris al la spirito de tero, ke li ekvenĝos, ke li ekvidos la kadavrojn de blankhaŭtaj viroj, virinoj, infanoj — brulegon, sangon!..“ La lastaj vortoj sangiĝis en muĝon de furio. En la cirko komencis leviĝi murmuroj, similaj je subitaj ekblovoj de vento. Miloj da demandoj sen respondo premiĝis en la kapoj. Kion faros ĉi-tiu furioza tigro? kion li antaŭdiras? kiamaniere li la vengon plenumos? — li ? sola ? resti, ĉu forkuri ? ĉu sin defendi ? — kaj kiel ? *Was ist das? was ist das?* — eksonis timigitaj voĉoj de virinoj.

Subite nehoma hurlo eliĝis el la brusto de saĥem; li balanciĝis pli forte, saltis sur lignan ĉevronon, starantan, sub kandelabro kaj suprenlevis la stangon. Terura penso traflugis kiel fulmo la kapojn. Li ekfrakasos la kandelabron kaj superverŝos la cirkon per torentoj de flamanta petrolo. El brustoj de rigardantoj eliris unu krio. Sed jen kio? En areno oni vokas: haltu, haltu!.. Saĥem ne estas plu! Li desaltis kaj malaperis en la elirejo. Li ne ekbruligis la cirkon? Kien li perdiĝis? Jen li aperas, li eliras denove, spireganta, lacigita, terura. En la mamo li portas ladan pladon kaj etendante ĝin en direkto de la rigardantoj, li diras per peteganta voĉo: *Was gefällig für den letzten der Schwarzen Schlangen!..* (Kion favore por la lasta el la Nigraj Serpentoj!). La ŝtono defalas de brustoj de la rigardantoj. Do ĉi-tio estis en la programo, do tio estis artifiko de la direktoro, efekto? Ŝutiĝas duondolaroj kaj dolaroj. Oni ja ne povas rifuzi la lastan el la Nigraj Serpentoj — en Antilopo, sur la brulloko de Chiavatta. La homoj estas kompataj.

Post la spektaklo saĥem trinkis bieron kaj manĝis kukaĵojn „Sub ora suno“. La ĉirkaŭantularo evidente faris je li sian influon. Li akiris grandan popularecon en Antilopo precipe ĉe la virinoj. Oni faris eĉ babilaĵojn...

**Esperantigis Dr. Ignacy Dziedzic.**

# La XVII. Kongreso en Ĝenevo.

**3.—7. aŭgusto 1925**

▪▪▪

**La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado decidis akcepti la inviton de la Svisa Esperanto-Societo kaj okazigi la XVII. Universalan Kongreson en Ĝenevo.**

▪▪▪▪▪▪

### Dato.

La C. K. fiksis la daton de la kongreso komence de aŭgusto (3 ĝis 7) laŭ la plej ĝenerala deziro de la esperantistaro.

### Somera universitato en Esperanto.

Laŭ arango kun la Internacia Universitato fondita de S-roj Otlet kaj Lafontaine en Bruselo, okazos en Ĝenevo internacia universitata semajno en Esperanto de la 1ª ĝis 7ª de aŭgusto 1925. Konataj profesoroj el diverslandaj universitatoj prelegos en Esperanto pri gravaj temoj de internacia juro, filozofio, filologio, historio de Esperanto, pedagogio kaj psiko-analizo. En la du lastaj kampoj okazos prelegoj de la famaj psikologoj P-ro Pierre Bovet kaj Charles Baudoin, kiuj ambaŭ lernis nian lingvon kaj nun parolas ĝin flue.

### Provizora programo.

Sabaton, 1 Aŭg.: Komenco de la Somera universitato.
Dimanĉon, 2 Aŭg.: Diservoj. Ĝardenfesto, Renkontiĝo.
Lundon, 3 Aŭg.: Lekcioj, Prelegoj. Vespere solena malfermo de la XVIIª.
Mardon, 4 Aŭg.: Laborkunsido. Ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.
Merkredon, 5 Aŭg.: Lekcioj. Prelegoj. Vespere teatro.
Ĵaŭdon, 6 Aŭg.: Lekcioj. Prelegoj. Vespere Balo.
Verdredon, 7 Aŭg.: Fermo de la kongreso. Fino de la kursoj.
Sabaton, 8 Aŭg.: Ekskursoj al sviva montaro.

### Kotizo.

La C. K. decidis fiksi unu solan kotizon por ĉiuj kongresanoj sen diferenco pri landoj. Ĝi estos 25 svisaj frankoj, sed organizitaj esperantistoj, kiuj regule kotizas al nia Universala Esperanto-Asocio, ricevos rabaton 20 % kaj pagos nur 20 svisajn frankojn. Junuloj (malsuper 20 jaraj), membroj de UEA, pagos nur 15 svisajn frankojn. Frua aliĝo estas rekomendata por helpi la arangon.

### Turistaj biletoj de UEA.

Por la kongresanoj, kiuj dezirus eviti ĉiujn malfacilaĵojn de mendo, trinkmono, biletaĉetado ktp., UEA arangos por siaj membroj ne nur karavanojn, sed turistajn biletarojn entenantajn ĉiujn elspezojn de kongresano dum unusemajna restads en Ĝenevo, ekzemple

kongreskarto, somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado en tre bona hotel-pensiono, ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj

sv. fr. 140 — (bileto verda)

kun bileto IIa klasa Londono — Ĝenevo — Londono

Ł 12.10.—

ĉio samo kun loĝado en unuagrada hotelo ĉe la lago (ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj)

sv. fr. 200,— (bileto flava)

kun bileto IIa klasa Londono — Ĝenevo — Londono

Ł 15

ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en modesta studenta pensiono (trinkmonoj enkalkulitaj)

sv. fr. 110.— (bileto ruĝa)

kun bileto IIIa klasa Londono — Ĝenevo — Londono

Ł 9.10.—

Al la mendintoj de tiuj turistaj biletoj, per zorgo de UEA, estos rezervataj la plej bonaj hoteloj kaj pensionoj kaj la plej bonaj sidlokoj en teatro. Ĉar la nombro de tiuj biletoj estos nepre limigata je apenaŭ kelkcentoj, estas rekomendinde tuj mendi ilin ĉe la „Kongresa Oficejo". Pago en tri partoj estos akceptata, la unua tuj, la dua en februaro, la tria en majo.

Tiu sistemo ne celas favori riĉulojn, sed nur la saĝe fruajn aliĝintojn. Kontraŭe la mendintoj de tiuj biletoj elspezos entute por ĉio la minimumon da mono dum la ceteraj riskos pagi multe pli altajn prezoin pli poste por malpli bonaj lokoj. Rapidu do mendi! Poste estos tro malfrue.

**Loĝado.**

Ĉar Ĝenevo estas tre plena en somero, estas necese rezervi ĉambrojn tre frue antaŭe. La Loka Komitato sendos al la aliĝintoj adresojn kaj prezojn de loĝejoj por ke ili antaŭmendu mem laŭ sia deziro.

**Manĝado.**

Estas utile memori, ke Ĝenevo tute ne estas granda urbo. Nur centtridekmil loĝantojn ĝi havas. Kvaronhoro sufiĉas por piediri de la hoteloj aŭ pensionoj la plej malproksimaj al la kongresejo. Estas do rekomendinde loĝi pensione, t. e. manĝi samloke por ŝpari monon, ĉar aparta manĝado en restoracioj estas ĝenerale multe pli kara kaj Ĝenevo ne estas urbo kun multaj restoracioj krom la hoteloj mem.

**Senpaga vizo de Pasporto.**

La Svisa Registaro informis la organizantojn de la Kongreso, ke la eksterlandaj partoprenontoj ricevos senpagan vizon de sia pasporto prezentante sian kongresan karton al la svisa konsulo en sia lando. Sed jam multaj diverslandanoj tute ne bezonas vizon por Svislando. Ni publikigos la liston de tiuj landoj en N-ro 2.

**Turismo.**

La Svisa Turisma Oficejo eldonos belan gvidlibron de Svislando kun ilustraĵoj, kiun oni povos jam antaŭe peti de Schweiz. Verkehrcentrale, Löwenstrasse, Zürich, Svislando, kie estas ankaŭ ricevebla listo de svisaj hoteloj kun prezoj. Esperantistoj dezirantaj restadi sur montoj devos laŭeble antaŭmendi ĉambron, ĉar Aŭgusto estas plena sezono. Ĉiam skribu en Esperanto!

**Klimato.**

La klimato estas varma en Ĝenevo dum Aŭgusto. Nur tiuj, kiuj volus poste restadi sur montaro, bezonos alporti varmajn vestojn aŭ mantelon kaj altajn ŝuojn.

---

**Ĉiujn korespondaĵojn kaj monsendojn ne direktu al personoj, sed adresu senescepte al**

**XVII. Universala Kongreso de Esperanto**

**12, Bd. du Théâtre, GENÈVE (Svislando).**

# Miesiąc esperancki.

Kursy esperanckie drogą radjotelefoniczną stale są coraz z innych miejsc wygłaszane. W Meksyku z radjostacji miejscowego dziennika „El universal“ Dr. Vargas o godzinie 13 m. 30 każdej soboty prowadzi swój kurs Esperanta. W Turynie major Vaccini również rozpoczął swój radjotelefoniczny kurs Esperanta.

---

Konferencja Labour Party, która się odbędzie w Queens Hall ma w swym programie następującą rezolucję: „Ze względu na uznanie jakie język międzynarodowy Esperanto zdobył w klasie robotniczej, konferencja nalega, aby język Esperanto był przyjęty jako jeden z oficjalnych języków na międzynarodowych konferencjach pracy.“

---

Znany chiński samideano Kenn miał w lipcu i sierpniu r. b. odczyty o Esperancie w Bukareszcie i w Ołomuńcu, które zainteresowały liczne grono słuchaczy rumuńskcih i czechosłowackich.

---

Ze sprawozdania szkół elementarnych Genewy i kantonu genewskiego, do których wprowadzono naukę Esperanta, okazuje się, iż 9 miesięczny kurs (lekcja 2 razy na tydzień) był dostateczny dla nauki Esperanta, pozatem, że zaznajomienie się z Esperantem ułatwia znacznie naukę gramatyki języka rodzinnego.

---

Miesięcznik esperancki związku pocztowo telegraficznego La Interligilo de L'P.T.T. wychodzący w Paryżu i broniący spraw zawodowvch związku, wychodząc z założenia, iż broni wspólnych interesów tego związku międzynarodowego, zaprojektował, aby związkowcy każdego z państw reprezentowanych raz na miesiąc przyczynili się do wydawnictwa jednego numeru pisma. Numer 11-12 z sierpnia i września wyszedł kosztem, nakładem i przy opracowaniu działów przez związkowców szwedzkich i zawiera po za innymi bogaty i cenny materjał lokalnie szwedzki i ogólny.

---

16 inżynierów z pośród 8 narodowości objęło współpracownictwo przekładu na język esperanto wielkiego słownika (encyklopedji) Schlomana. Tłomaczenie 5-ego tomu (drogi żelazne) odbywa się pod przewodnictwem inżyniera Rosibela z S. Francisko.

Miesięcznik lekarski La Iĵi Ŝinbun, wychodzący w Tokio podaje stale w języku Esperanto streszczenia poważniejszych prac, ukazujących się w tym miesięczniku. Dążeniem Polskiego Towarzystwa Esperantystów jest skierowanie zabiegów w tym kierunku, aby i nasze pisma naukowe podawały w języku Esperanto streszczenie swych poważniejszych prac zgodnie z dezyderatami zaaprobowanymi przez ostatni kongres Polskiego Towarzystwa Esperantystów.

---

Edward Belin słynny na świat cały francuski wynalazca teleautografu przyjął obowiązek prezesa honorowego międzynarodowego esperanckiego Radio Związku (Internacia Radio Asocio). Czarodziej z Malmaison, jak go zwą, wysłał z tej racji specjalny własnoręczny w języku Esperanto Belinogram, który jako duplikat oryginału był skierowany do Eptona w Angli. Czary rzeczywiste! drogą radia możemy już własnoręczne listy przesyłać, a nadchodzi już rychło czas, kiedy już nie tylko pismo przewędruje przez morza i oceany ale i obraz wysyłającego, głos bowiem już jest słyszalny i możliwą będzie rozmowa i widzenie się jednocześne; a wtedy dla celów porozumiewawszych pomiędzy obcymi sobie językowo krajami język Esperanto tryumf ostatecznego uznania święcić będzie nieomylnie.

---

# Alvoko al ĉiulanda esperantista studentaro.

Karaj gekolegoj!

De post la naskiĝo de la esperantista movado la ĉiulanda studentaro grandnombre, sindone kaj ofere subtenadas ĝin.

Verŝajne tre malmultaj estas esperantistaj grupoj, rondoj aŭ societoj, naciaj aŭ internaciaj, kiuj inter siaj membroj ne havus studentojn. La scienco, tiu objekto kiu pli ol la aliaj bezonas internacian lingvon, igis siajn junajn adeptojn labori por la renverso de lingvaj bariloj malfaciligantaj la kulturan disvolvon.

Studentoj, intencantaj vere servi al la scienco kaj ĝia nelimigita evoluo, estis kaj estas aktivaj partoprenantoj de la esperantista movado. Studentoj, estis tiuj, kiuj entuziasme akceptis la unuan libreton de nia Majstro kaj kuraĝigis Lin al plua laboro, ilin ni poste vidis en la unuaj vicoj de

ĉiam kreskanta esperantista armeo kaj nun en diversaj organizaĵoj, kiuj alte tenadas la verdan standardon ili ankaŭ estas nelaciĝantaj standardportantoj.

Malgraŭ tio la esperantistoj-studentoj, dissemite inter diversaj esperantistaj organizaĵoj, plejparte forgesadas pri sia propra faka studenta vivo kaj precipo pri sia internacia organizo.

Jam estas internacie organizitaj en fortaj asocioj esperantistaj kuracistoj, juristoj, instruistoj, laboristoj, junularo k. t. p., sed la jam kelkfoje ripetataj provoj krei studentan esperantistan internacion ne elvokis ĝis nun grandan resonon en konvenaj medioj.

Eble ekzistas inter nia kolegaro duboj pri tio, ĉu valoras krei fakan studentan asocion, konsiderante, ke la studenteco prezentas nur sufiĉe mallongan kaj rapide trapasantan periodon en la homa vivo. Tiuj duboj devas ĉesi, kiam ni observas la ekziston kaj funkciadon de internaciaj neesperantistaj studentaj organizaĵoj (Confederation Internationale des Etudiants, European Students Relief, Pax Romana kaj aliaj).

Samkiel la studentoj neesperantistoj, ankaŭ ni havas niajn taskojn kaj celojn, tial ni devas krei studentan esperantistan internacion, kiu unuparte pliviĝligos la esperantistan propagandon inter la studentaro per la eldonado de esperantistaj gazetoj, libroj, flugfolioj k. t. p., kaj aliparte per la praktika laboro servos al ĉiulanda eĉ neesperantista studentaro, dank' al plifaciligo de internaciaj rilatoj, helpo dum vojaĝoj kaj ekskursoj, liverado de informoj pri progreso de la scienco, metodoj de studado, interŝanĝado de libroj k. t. p.

Ĉi tiun devon bone komprenis la Studenta Fakkunsido de la Viena Kongreso decidinte krei Internacian Studentan Esperantistan Asocion (I.S.E.A.) kun la konstanta sidejo en Warszawa.

Nun ni estas feliĉaj scigi la ĉiulandan esperantistan studentaron, ke en Warszawa organiziĝis jam la Centra Komitato de I. S. E. A.

La plua agado kaj disvolvo de I. S. E. A. dependas de nun sole de ni sennombraj esperantistoj-studentoj el ĉiuj flankoj de l'mondo.

Karaj gekolegoj! Memoru, ke sub nian internacian domegon estas metita nur la unua ŝtono kaj, ke ĝia plua konstruo postulas streĉitajn fortojn de ĉiuj esperantistaj studentoj. En la plej proksima tempo ni velas ellabori nian statuton, tial ni petas ĉiujn amikojn de nia movado alsendadi al ni proponojn, rimarkojn, konsilojn k. t. p. kaj laŭeble

materiale subteni nin ĝis la tempo, kiam ni statute fiksos niajn konstantajn enspezojn. Ju pli granda estos Via morala kaj materiala subteno des pli sukcesaj estos niaj unuaj paŝoj.

Komencante nian vojon ni povas diri simile al la antaŭmilita Universala Studenta Unio, ke ĉiu internacia asocio travivas tri periodojn.

La unua periodo komenciĝas, kiam la asocio naskiĝas kaj disvastiĝas per la propagando vekante intereson por sia ideo. Poste, kiam sekve de bona propagando sufiĉe multaj adeptoj interesiĝis kaj aliĝis al la ideo, la asocio komencas travivi sian duan periodon kreante diversajn aranĝojn por siaj anoj kaj fiksante la pluan disvolvon. La tria periodo jam estas la lasta, definitiva venko. I. S. E. A. travivas nun sian unuan periodon, tial nia devo estas senlace propagandi ĝin, por ke ni akcelu ĝian kiel eble plej baldaŭan transiron al la dua periodo kaj poste al definitiva venko. Ankoraŭ malproksime estas nia fina venko, sed tio ne malkuraĝu nin, ĉar ĝusta kaj certa estas nia vojo.

Sur la ondoj de la rivero kondukanta al la estonta Esperantujo inter la multnombra jam esperantista ŝiparo fluas de nun ankaŭ nia modesta boato. Ĉu ĝi alfluos al la komuna celo montros la estonteco.

Do al laboro, karaj gekolegoj!

Nia internacia asocio starigita en naskurbo de nia Majstro ne povas fali! Plej alto ni tenu la standardon de l'Esperanto per la Scienco kaj standardon de l'Scienco per la Esperanto.

I. S. E. A. vivu, kresku kaj floru!

Internacia Studenta Esperantista Asocio.
Centra Komitato.

# KOMUNIKO.

Na sciigas ĉiujn interesiĝantajn pri la esperantista studenta movado, ke la sekretariejo de nia asocio troviĝas ĉe So Ignacy Koss, Warszawa, Leszno 28 m. 13. kaj samtempe informas, ke komunikoj kaj raportoj pri nia agado aperados en „Esperanto Triumfonta“ kaj „Esperanto“.

Internacia Studenta Esperantista Asocio.
C. K.

**Redaktoro kaj eldonanto: STANISŁAW KAROLCZYK**

Redakcio kaj Administracio: Warszawa, Królewska 19.
Funkcias nur merkrede kaj vendrede de 7 ½ ĝis 9 h. vespere.

# Grava sciigo.

La peresperanta-poresperanta organizo RADIO—SERVO, Locarno (Svislando), fondita en pasinta jaro sekve de la Esperanto-Konferenco de Venezia de grupo de svisaj, italaj kaj alilandaj samideanoj kaj esperanto-amikaj radio-fakuloj, post longaj preparoj nun publikigas sian anoncitan organon „Radio-Servo".

La Internacia Radio-Revuo „Radio-Servo", ekaperanta je la fino de tiu-ĉi monato, presata en la Esperanto-Presejo de nia samideano S-ro Borel, havas la specialan celon, propagandi la nuran uzon de Esperanto kiel internacia radio-lingvo kaj kontraŭbatali la malamikojn de Esperanto.

La Internacia Radio-Revuo "Radio-Servo" publikiĝas ĉiumonate en tutgranda ĉiutag-gazeta formato, ilustrita, ok-paĝa en du partoj:

I) ĉef-parto kvar-paĝa nur-esperantlingva;

II) aldon-parto kvar-paĝa diverslingva, por tiuj, kuj ankoraŭ ne komprenas Esperanton, por esperantistigi ilin kaj por montri la taŭgecon kaj senkonkurencan monopolon, kiun posedas Esperanto kiel internacia radio-lingvo.

La „Radio-Servo" invitas la samideanojn en ĉiuj landoj kunlabori kun ĝi, por Esperantistigi la Radiistojn.

„Radio — Servo", Locarno (Svislando).

# WOLNA MYŚL,



# WOLNE ŻARTY

(LIBERA PENSO, LIBERAJ ŜERCOJ)
plejdisvastigita humora revuo en Polujo

**Redakcio kaj Administracio, Łódź, Andrzeja 17.**

**Prenumerata zagraniczna 4 dolary rocznie.**



**Roczniki z 1923 r. z przesyłką w cenie 1 dolara.**

---

## Księgarnia LUDWIKA FISZERA w Łodzi

**Piotrkowska 47**

**Poleca następujące wydawnictwa, niezbędne do nauki języka Esperanto:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Borel-Pfeffer, | Ĉu vi parolas Esperante? . . (Rozmówki esp.—polskie) | Mk. | 900,000 |
| Bart i Borel, | Esperanto w 10 lekcjach . . | „ | 1,350,000 |
| „ „ | Klucz do tegoż . . . . . | „ | 450,000 |
| Czarnowski, | Łatwy podręcznik Esperanta . . | „ | 720,000 |
| Grabowski, | Słownik polsko-esperancki (większy) | „ | 7,200,000 |
| „ | „ „ „ (mniejszy) | „ | 3.240,00 |
| „ | Słownik esperancko-polski (większy) | „ | 5,040,000 |
| „ | „ „ „ (mniejszy) | „ | 3,960,000 |
| Mickiewicz-Grabowski | Sinjoro Tadeo . . . . | „ | 10,800,000 |

**Wysyłka tylko za uprzedniem nadesłaniem gotówki. Do każdego zamówienia należy dodać 10% wartości na koszta przesyłki.**

---

**Redaktoro kaj eldonanto: STANISŁAW KAROLCZYK**

Presejo: Edmund Kokorzycki, Łódź, Podleśna 26.